,Mutig vorwärts!' **Aŭstria** ,Kuraĝe antaŭen'

# Aŭstria Esperantisto

## (Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Asocio

7a jaro. N-oj 8/9 Monata Aŭg.-sept. 1930

Redaktejo kaj administrejo: Korneuburg ĉe Wien, Postfach.

Konto bei der Postsparkasse D-123.826 u. 36.783 (Sparkasse Korneuburg).

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ S 4.80, germanlandanoj RM 3.25 alilandanoj sv. fr. 4.25; ponumere: por enlandanoj 45 aŭ. g., eksterl. 55 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

### Aus aller Welt.

Der **größte japanische Kulturbund**, die über eine Million Mitglieder zählende Gesellschaft **„Kibosha"**, deren Abzeichen das Herz (als Symbol der Menschenliebe) mit dem Esperantostern ist, tritt tatkräftig für die Verbreitung des Esperanto ein.

Das **Ministerium für Aeußeres in Estland** subventioniert einen illustrierten Esperantoführer durch Estland. Kostenlose Zusendung.

Die **Reichsbahndirektion in Dresden** hat einen **„Sprachführer für den Eisenbahnverkehr"** herausgegeben, der Fragen und Antworten in 20 Sprachen und Esperanto enthält und dazu bestimmt ist, den mündlichen Verkehr zwischen fremdsprachigen Reisenden und dem Bahnpersonale zu ermöglichen. Der „Sprachführer" wird auch in Oesterreich benützt.

**Bei der Trambahn in Stockholm.** 71 Schaffner besuchten einen Esperantokurs und erhielten nach dessen Beendigung sowie weitere 130, die selbst Esperanto gelernt hatten, von der Direktion das Esperantoabzeichen.

So in Stockholm! In Wien, der Fremdenverkehrsstadt, hindern „prinzipielle Gründe" die leichtere Verständigungsmöglichkeit des Personals mit den Esperanto sprechenden Fremden!

**Esperantovortrag für die Lehrerschaft.** In Linz findet am 24. Sept. ein Vortrag über E. für die Lehrerschaft statt, den Schulinspektor Camillo Schallert halten wird. Der Vortrag wird in der amtlichen Schulzeitung bekanntgegeben.

Die **Wiener Messe** hat in der Neuen Burg ein Plakat kostenlos ausgehängt, in welchem in deutscher Sprache und in Esperanto zum Besuche des Intern. Esperanto-Museums in der Neuen Burg eingeladen wird.

**Versailles.** Der Bürgermeister gab der Esperanto-Gruppe eine Subvention.

**Esperanto-Schlüssel** für die Westentasche in **albanischer Sprache** ist soeben erschienen.

Die deutsche **„Neue Lodzer Zeitung"** vom 21. August brachte einen langen, guten Artikel von Red. O. Bermann „Die Bedeutung des Esperanto für die Touristik".

**„Der Friedenskämpfer"**, Organ der kath. Friedensbewegung, brachte in seiner Mainummer einen Artikel über das „Int. Esperanto-Museum in Wien" in Esperanto.

**Im Rollstuhl durch Europa.** Albert Hill, ein Engländer, hat in einem Rollstuhl, den er selbst durch Hebel bewegt, seine Reise durch Europa angetreten. Hill, früher ein großer Sportsmann und bekannter Schwimmer, verlor vor sechs Jahren als 23jähriger den Gebrauch seiner Beine. Seitdem hat er Esperanto studiert und will sich damit auf seiner Fahrt verständigen. Er ist von seiner Heimat aufgebrochen und trägt auf Brust und Rücken Plakate mit der Inschrift: „Esperanto, Northampton, England". Von Calais will er durch Holland, Belgien nach Deutschland reisen.

### Avenuo D-ro Zamenhof.

En Barcelona oni nun ŝanĝas la nomojn de diversaj stratoj. „Kataluna E.-Federacio" redaktis petskribon, ke oni ŝanĝu la nomon de „Avenuo de Martinez Anido" en „Avenuo de D-ro Zamenhof".

Helpu sam-anoj skribante poŝtkarton al la urbestro, nome „Excelentissim Sr. Alcalde en Barcelona, Hispanujo" kaj petu, ke oni alinomigu la straton en „Avenuo de D-ro Zamenhof" .Substreku per ruĝa krajono la nomon.

**Telegramadreso de ICK.: Esperantocentro Genève.**

**Nova konsilanto de ICK.:**

S-ro Enrique Munoz, Agraciada 1074, Montevideo, Urugvajo.

---

## Mond-vojaĝo por Esperanto!

**Organizita de Int. Centra Komitato de la E.-movado en Genève.**

**Joseph R. Scherer el Los Angeles** (Kalifornio), Speciala delegito de ICK., rekomendita de Komerca Ĉambro kaj de Havena Komisiono de Los Angeles kaj de Amerika Instituto de Bank-Scienco, Sekcio de la Bankista Asocio de USA., ekvojaĝos la 15. septembro nj. por alporti la propagandan helpon de ICK., la gvida centro de la E.-movado, al la tutmonda samideanaro.

S-ro Scherer estas bone ekipita kaj science preparita, propaganda vojaĝisto. Kiel persono en bona profesia pozicio, usonano de svisa deveno, societe edukita kaj sperta afer-traktanto, li estas bonvena tiel por publikaj paroladoj en E. aŭ germana lingvo, kiel por vizitoj al redakcioj, societoj, administracioj kaj aŭtoritatoj. Li elektas por siaj paroladoj lumbildojn el sia speciala kolekto, ampleksanta 12.000 bildojn. Scherer estas tre lerta ĵurnalisto kaj konata kiel raportanto de „Heroldo de Esperanto".

Profesie li estas sekcia ĉefo de la granda Seabord National Bank en Los Angeles.

Laŭ la proksimuma vojaĝplano li estos en julio venontjare en Svisujo kaj en aŭgusto en Krakow. Do estos eble, ke li povos propagandi en Aŭstrio aŭ en julio aŭ post Krakow.

Certe tia eminenta propagandisto multe helpos al nia movado! La grupoj, kiuj deziras eluzi ĉi tiun certe maloftan okazon, prezenti al al publiko tian eminentan propagandiston, **tuj skribu al la estraro de AEA. en Linz,** kiu poste interkonsentos kun ICK. kaj ankaŭ pri la kondiĉoj de la aranĝoj, kostoj ktp.

En la venonta numero ni publikigos la pluajn detalojn!

---

**N-ro 10 aperos la 8. okt.,** informoj devas alveni ĝis 3. okt.

## Oficiala Jarlibro de la E.-movado 1930 (18. jaro).

Universala Esp.-Asocio, 1 Tour de l'Ile, Genève. Prezo sv. fr. 5.—, sed senpage por la membroj de UEA. 406 pĝ.

La jarlibro ĉiam estas atendata kun senpacienco, ĉar ĝi estas vere bona helpilo por ĉiuj esp.-istoj, ĉu ili deziras vojaĝi, korespondi, informiĝi pri komercaj aŭ aliaj aferoj ktp. Per landcito supre de ĉiu paĝo ĉi tiu eldonaĵo estas pli praktika ol la lastjara.

La enhavo: 1. Esperantismo kun utilaj indikoj; 2. UEA; 3. Laŭlanda kaj laŭloka adresaro. Tralegu ankaŭ la reklamojn!

Plendinda estas jenaj aferoj:

1. Sur pĝ. 35 ĉe 1929 mankas la noteto: Antaŭkongreso en Wien. — Inaŭguro de Internacia Esperanto-Muzeo en Wien flanke de la prezidanto de la Respubliko Aŭstrio, s-ro Wilhelm Miklas. (Antaŭkongreso estis oficialigita flanke de ICK kaj inaŭguro de IEMW estas certe notinda afero!)

2. Sur paĝo 118 estas noteto pri Intern. Esperanto-Muzeo en Wien. Mi ne parolas kontraŭ la malgrando de la noteto, sed kontraŭ la aranĝo, ke oni ĝin metis sub „Wien". ICK skribis al ni, ke IEMW ne estas Wien-a aŭ Aŭstria afero sed internacia. Jam pro tio kaj, ĉar IEMW estas ŝtata entrepreno, sub protekto de Prezidanto Miklas kaj kun Honoraj Membroj el diversaj ŝtatoj, la **sole ĝusta loko** por IEMW estus sur paĝo 18 post Intern. Centra Komitato.

Ni ne ankoraŭ plendis pri tio al UEA-Genève kaj jam alvenis letero de direktoro Hans Jakob, en kiu li menciis, ke en la venonta jarlibro estos dediĉata al IEMW almenaŭ tuta paĝo kun bildo de la vere bela hejmo en Neue Burg, Heldenplatz.

La letero kontentigas min kaj mi esperas ankaŭ vin, karaj legantoj!

**Aliĝu al UEA.** Por la simpla aliĝkotizo (sv. fr. 5.—) vi ricevos senpage la jarlibron. Se vi deziras krom tiu ankaŭ la vere bonan gazeton „Esper-

anto", vi nur pagos aŭ. S 12.50. La ĉefdel. por Aŭstrio E. G. Bernfeld, Wien, II., Czerninplatz 5/14 donos al vi ĉiujn informojn. Steiner.

## Urĝa kaj grava!

Por la statistiko, kiun ni faras por IALA. (International Auxiliary Language Association in the United States, Inc.), New York, rilate la temon „Esperanto en lernejoj", ni nepre bezonas ankoraŭ specialan materialon laŭ decido de IALA. Estas necese, konstati, en kiuj lernejoj de la mondo dum la tempo de la lasta kvaronjaro 1. X. — 31. XII. 1930 Esperanto estas instruata en lernejoj.

Ni tre kore petas, ke ĉiuj gekolegoj, kiuj dum ĉi tiu tempo instruas Esperanton en siaj lernejoj, sciigu nin pri tio. Ili estas petataj:

1.) doni sciigojn pri la koncerna lernejo, sciigante ĝian nomon en sia nacia lingvo (per latinaj literoj) kaj samtempe doni la nomon kaj la gradon en Esperanto,
2.) doni sian precizan propran adreson kaj
3.) aldoni notojn, kiuj ŝajnas necesaj por klarigi la situacion.

Ekzemplo:
al 1.) 5. Gemeindeschule Berlin S 13, Blumenstr. 43 unuagrada popollernejo) —
al 2.) Hans Feierabend, Volksschullehrer (popollerneja instruisto), Berlin W 35, Poststrasse 22, II. —
al 3.) 2 horojn po semajno, nedevige, por 12-jaraj knaboj de la 6-a lernojaro.)

**Estas tre grave, ke ni povu liveri kiel eble plej kompletan materialon, grave por nia kunlaborado kun IALA. kaj same grave por nia Esperanto-propagando.**

La rezulton ni transdonos al nia Esperanto-gazetaro.

„Kunlaborado de IALA. en New York kaj de la Instituto J. J. Rousseau en Geuève kun la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko en Leipzig".
D-ro Dietterle.

NB. Bonvolu sendi la materialon plej malfrue ĝis fino de l' jaro 1930 al la sekretarino de „Kunlaborado": f-ino Martha Moelke, Brandenburgische Straße 5, I., Berlin-Südende, kaj kopion al AEA., Linz.

## Esperanto-sendstacio.

Melburn-a E.-Societo estas la unua grupo, kiu havas sian propran Radio-voĉon por interrilatiĝi kun la tuta mondo. La voksignalo estas V. K. 3. C. A. kaj la stacion funkciigas s-ro Hughes, 1. Vera Str., Williamstown, Melbourne.

Por komenci konversacion oni kontaktiĝu kun s-ro Hughes per iu ajn amatora sendstacio en Aŭstralio.

Se posedantoj de mallongondaj sendiloj kaj riceviloj sendos siajn adresojn al s-ro J. Jungfer, Lindenstraße 10, Lübben, Germ., la subskribinto arangôs specialajn dissendojn el la nomita stacio. W. H. Mattews.

## Rio de Janeiro — Paris.

La 1. de aprilo okazis inter la ministroj de poŝtoj franca kaj brazila la unua senfadena parolado. La unua parolis france kaj la dua brazile, kion la brazila ambasadoro en Paris devis traduki francen.

La 3. de aprilo, dank' al la ĝentileco de „Companhia Radiotelegraphica Brasilieira", s-ro A. Couto Fernandes, prez. de Brazila Ligo Esp., en Rio de Janeiro interparolis kun s-ro Emile Houbart, direktoro de „La Movado" en Paris kaj reciproke salutis unu la alian en la nomo de siaj samlandaj s-anoj — la unuan fojon per senfadena telefono — en Esperanto.

La ambaŭlandaj gazetaroj raportis pri tio.

## Wien-a deficito.

S-ro Dan W. Gibson en Seattle skribas en „Esperanto", ke li sendos ĉiumonate po 1 Dolaro por elpago de la deficito, por ke ĉi tiu nigra makulo estu forviŝita el la kronikoj de Esperanto. Li sugestas, ke ĉiu vera esperantisto same promesu laŭ siaj povoj sisteman monatan pagon, ĝis tiu ŝuldo estos elpagita.

## Skismo en LEA.

Dum Pentekosto okazis en Berlin konferenco de socialistaj esp.-istoj, kiu decidis la fondon de „Socialista Esperanto-Asocio". Tiu paŝo fariĝis necesa, ĉar la diferencoj en LEA. tiom akriĝis, ke al socialistaj ne plu estas eble resti en ĝi, ne perdante ĉian eblecon labori por E. en socialistaj rondoj. La nova asocio uzas „La Socialiston" kiel oficialan gazeton por siaj membroj.

(Laŭ „La Socialisto".)

## Esperantistoj de ĉiuj landoj, unuiĝu!

Vi, kiuj ekkonis, ke la unua „ordo" de la homaro estas nepra malordo, ke pro tio venos katastrofo, ke helpo nur estas ebla pere de starigo de vera juro, racio, moralo, vi, kiuj sentas tia! la devon, energie labori por la ĝusto kaj bono, unuiĝu!

Unuiĝu en la homarpartio (religie neŭtrala), kiu estas disvastigata super la tuta tero kaj komunikos al vi la adresojn de viaj samcelantoj kaj daŭrajn raportojn pri la afero. Skribu al la centro de la homarpartio en Hamburg-Blankenese, Weddigenstraße 1.

## E. en internacia kongreso.

Proponita de oficiala argentina delegito, d-ro Luciano Catalano, Esperanto estis akceptata kiel internacia lingvo en la Kongreso de Amerikaj Universitatoj, okazinta en Habana (Kubo) la 14.-17. febr. nj.

## Ĝustigo.

En la skizo de s-ano Taussig „Libertempo", pĝ. 79, dua alineo, la kompostisto ellasis post „Ĉiu spiro" la vortojn „de ĝia brusto, ĉiu bato".

Ni petas senkulpigon!

### Literatura Mondo.

Al nia artikolo en n-ro 7 ni devas mencii, ke je nia granda ĝojo la jarabono nur estas 10 Pengő aŭ S 12.50. Kolektantoj de abonantoj ricevas premion: por ĉiuj kvar abonoj unu senpage. Kiu pagos ĝis 1. dec. sian abonon, ricevos premion, konsistanta el

a) duonjara kolekto de malnova LM. (por jarabono),

b) Petőfi-Kalocsay: Johano la Brava (duonjara),

c) Dr. Schwarcz: Modernaj Robinzonoj (kvaronjara).

Por la sendkostoj de la premioj, bonvolu sendi 50, resp. 30 filerojn.

---

### Recenzo pri gvidlibro „Wien“.

Espero Katolika skribas: „Tre alloga gvidlibro arte ilustrita, nepra al ĉiu vizitonto de la ĉefurbo de Aŭstrujo. Ni varme rekomendas ĝin al niaj samideanoj. Verŝajne multaj trapasos Vienon, irante al Nia Dekkvina Katolika E.-Kongreso; jen bona okazo por uzi tiun gvidlibron, kiu lerte montrigos al vi ĉiujn vidindaĵojn de la pentrinda urbo.“

---

### Ĉu denove Esperanto-krizo?

Ni ricevis jenan leteron, kiun ni volonte publikigas:

Tre estimata samideano,

Ni petas vin publikigi tiujn ĉi liniojn en via gazeto.

E. de Wahl ne forigis la literon k el Occidental, sed li konservis ĝin en multe da vortoj, ekzemple kabyl, kalium, kepi, kilometre (kaj la aliaj kunmetaĵoj kun kilo-), kino, kiosk, knut, kuli, kyrie, mark, rakete, turkis, ukas kaj multe da aliaj vortoj. Li konservis la literon „c“ kun la romana, angla, germana kaj latina maniero de duobla prononco (nome „ts“ antaŭ e, i, y, „k“ en la aliaj okazoj) nur en la vortoj de klasika deveno por povi uzi sufiksojn komencantajn per la litero „i“, ekzemple en la jenaj vortoj: catolico (prononco k), catolicism (ts); duplicat (k), duplicitá (ts); publication (k), publicist (ts); ktp.

La vorto „esset“ (= estis) ne estas arbitra formo, sed ĝi ekzistas en latino. La vorto „strax“ (= tuj, germane stracks, svede strax; presita en la artikolo erare „strase“) estas la sola vorto por tiu ideo kun iom da internacieco, kvankam nur ĝermana. Ĉu eble iu leganto de Aŭstria Esperantisto povas indiki al ni vorton kun la signifo de „tuj“ konatan al pli multe da personoj kiel la vorto „strax“? Ni volus „strax“ adopti ĝin en Occidental.

Kun la esprimo de nia altestimo ni restas via sindone

OCCIDENTAL-UNION
Central Officie
Karl Janotta, Ing. Engelbert Pigal

### Parolanta letero.

Celuloida gramofondisko, enparolita kaj sendita de s-ro Grenkamp al Ossaka, tre klare reproduktas la jenan komision:

Mia kara amiko Ossaka. Forpasis jam multe da tempo, kiam vi, Ambasadora Moŝto de nia japana movado, forlasis Eŭropon. Mi tro laboras por nia kara ideo, por ke mi povu en miaj leteroj multe skribi. Mi profitas do la admirindan inventon de la dudeka jarcento por sendi al vi kaj al la japanaj amikoj miajn voĉajn bondezirojn okaze de la nova jaro, ke ĝi alportu al via juna kaj tamen tiel fortika movado novajn sukcesojn. Via laboramo kaj persisto, la ekzemplaj ecoj de via popolo, konduku nian movadon en via kvarmara lando al la fina venko. Vivu kaj disfloru por la bono de la honesta kaj lojala homaro. Via fidela Grenkamp. (Laŭ „La Revuo Orienta“)

---

## Int. Esperanto Muzeo en Wien

**Wien, I. Neue Burg, Heldenplatz.**

**Malfermita labortage** 9-12, 15-18 h, sabate 9-12 h.

__Dumvivaj membroj de IEMW.:__ 15. fak-instr. H. Jungschaffer-Ried; 16. N. Pronay-Baden; 17. Marie Gürtler-Langenau, Nordbohemujo; 18. William Vincent-London; 19. d-ro A. Hloucha-Wien; 20. eldon. R. Foltanek-Wien; 21. L. Chiba-Wien; 22. K. Dürschmid-Graz; 23. ĉefadministristo F. Braun-Wien; 24. L. Gravogl-Tullnerbach; 25. kalk. kons. de urbo Wien R. M. Frey-Wien; 26. univ.-ano E. Eder-Wr.-Neustadt; 27. A. Cisar-Korneuburg; 28. f-ino M. L. Bäumler-Nürnberg; 29. f-ino J. Protivinsky-Krems; 30. Frant. Slavik-Praha; 31. Willmann Jos., poŝt-insp.,-Wien; 32. d-ro E. Spielmann, prez. de ILEPTO.-Bern; 33. Holenstein Sophie-St. Gallen; 34. Moosbrugger Mathilde-Gossau, St. G., Svislando; 35. Christians Karl, pol. insp.- Wien; 36. Rusch Irene, ferv. ofic.-Wien; 37. Goldmann Anton-Staab, ĈSR.; 38. Bauer Albine-Wien.

__Grupoj kiel membroj por 10 jaroj:__ 3. Esp. Klubo-Ĉeske Budéjovice;

### Aliĝu ankaŭ vi!

Ni dissendas cirkulerojn al neabonantoj de AE pri IEMW. Sendu al ni adresojn de fervoraj esp.-istoj, al kiuj ni povu sendi la cirkuleron. Kunhelpu!

Helpantoj venu afable al nia hejmo! Sufiĉa laboro atendas ilin! Steiner.

---

### Honorigo.

La 24. VII. estis inaŭgurata en Niemegk „Adolf Schmidt-Observatorio por Termagnetismo“, unika en Germanujo. Tiu grava instituto ricevis la nomon de nia fama s-ano, kiu nun fariĝis 70-jara.

## Pri nia XXII-a.

En la stacidomo deĵoris sam-anoj, helpis, konsilis nin. En la kongresejo regis vigla movado; ŝajnis, ke ĉiuj ĉeestantoj sin konas reciproke, kvankam venintaj el la plej diversaj partoj de la terglobo.

Per la salutvespero, sabate, la 2. aŭg., komencis la ĉeno de la aranĝoj. Ĉe la pordo de la granda urbdoma salonego la partoprenantoj estis salutataj per manpremo flanke de urbestro-anstataŭanto Alderman Carter kaj edzino. Vere laciga plezuro manpremi 1200 personojn! Sekvis salutparolado de s-ro Carter kaj poste la gastoj estis regalataj per glaciaĵo, teo ktp. Ŝajne por multaj tro frue finiĝis la unua vespero.

Dum la aliaj tagoj okazis la malfermo de la kongreso, kunsidoj de Ĝenerala Estraro, laborkunsidoj, plej diversaj fakkunsidoj kaj aranĝoj.

Dum la malferma kunsido parolis reprezentantoj de 10 registaroj; por Aŭstrio parolis d-ro W. Engerth de nia ambasadorejo en London kaj lia salutparolado kaŭzis eksterordinaran aplaŭdon, precipe la sciigo, ke la registaro allasis E.-on en la mezlernejoj kaj la subteno al Intern. Esperanto-Muzeo en Wien.

Tre interesaj estis la mencioj de prof. Mihalik-Budapest, ke la hungara ministerio por instruaferoj estas preta enkonduki E.-on en la lernejoj, se alia ŝtato faros la saman, kaj de red. Iŝiguro-Tokio, ke „Kibuŝa Esperanto“ aperas nun en 12.000 ekzempl. kun 9000 pagantaj abonantoj. La malproksima oriento donas al ni pripensindan ekzemplon!

En la kunsidoj de Ĝenerala Estraro oni pritraktis serioze la movadon kaj laboris sufiĉe da horoj dum kelkaj tagoj; en la laborkunsidoj oni aŭdis pri multaj tre interesaj aferoj, aŭskultis elokventajn oratorojn, ricevis valorajn instigojn, sugestojn. Sed kie estis la amaso de la kongresanoj? Ĉeestis ĉiufoje eble 200; bedaŭrinda fakto, ĉar la kunsidoj prezentis interesajn aferojn, kiuj estis indaj esti aŭskultataj de ĉiuj!

Ĉe la amuzaj aranĝoj oni ne bezonis plendi pri malmulte da partoprenantoj, kolektiĝis pacaj batalantoj ĉe la balo, en la teatro ktp.

Entute mi devas diri, ke la kongreso bonege sukcesis, ke la gearanĝintoj meritas plenan laŭdon kaj dankon kaj ke la alilandaj partoprenintoj plej amike kaj simpatie memoros niajn anglajn samideanojn.

La impreso pri la movado mem estis, ke ĝi marŝas, sed, se la ges-anoj kunlaborus pli celkonscie, racie, la afero marŝus ankoraŭ pli rapide! Wannek.

Rim. S-ro Wannek, prez. d AEA., repre entis en Oxford Aŭstrion kaj salutis en la nomo de nia lando kaj de Intern. Esp.-Muzeo en Wien. Pli detalan raporton vi povas legi en Heroldo de Esperanto n-roj 582/3.

---

## XV. Itala E.-Kongreso en Como.

Pli ol 200 s-anoj ĉeestis inter ili 8 nacioj. Belege estis la akcepto ĉe la urbestro en la belega antikva urbdomo, kie la gastoj estis regalataj kun vino, glaciaĵo kaj sukeraĵoj. En la malferma kunsido la vicurbestro advokato Porta prezidts. La saman tagon vespere prez. de Int. E.-Muzeo en Wien, reg. kons. Steiner, faris paroladon pri la fondo kaj nunstato de IEMW. antaŭ granda aŭdantaro. Sekvis diversaj ekskursoj al la belaj lagoj. La kongreso bonege sukcesis.

Steiner.

**XV. Katolika Universala E.-Kongreso.** Raporto en la venonta numero.

---

**Altinstruitaj stratbalaistoj en Budapest.**

Inter 209 stratbalaistoj troviĝas 16 diplomitaj inĝenieroj, 2 akademianoj, 6 eksoficiroj kaj 12 abiturientoj, kiuj ne trovis alian laboreblecon.

---

## Marie von Ebner-Eschenbach

**(1830—1916)**

la fama aŭstria verkistino,
naskiĝis la 13. septembro.

Okaze de la centa datreveno de ŝia naskiĝtago ni publikigas tradukon de ŝia

### La fringo.

„Lux, Lux, ĉi-enen, tuj ci-enen! Malbela, aĉa fibesto!“ En ĉiuj anguloj de sia memoro ŝi serĉis ĝismorte hontigan insulton por kvazaŭ ĵeti ĝin al la kapo de la hundo, eĉ antaŭ kiam ŝi mem alvenis apud ĝi kaj faris al ĝi ĉion malbonan kontraŭ ĝi intencitan.

La hundo estis granda, blanka ŝpico kun mallonga hararo. Ĝi havis korvonigran makulon en la mezo de la vizaĝo kaj de la maldekstra orelo, kiu igis ĝin aspekti treege provokema kaj la besto povis rigardi tiom malrespekte, kiom neniu alia hundo surtere. Tute akcesore ĝi returnis la kapon en la direkton, kie staris la gracila ineto kun la blonda hararo laŭbube frizita, kiu alvenis rapidante apud ĝi kaj tuj ĝi ree atente observadis ion malgrandan, vivantan, ekmoviĝantan en la herbo fluris, palpetis ĝin per la piedo.

„For!“ La Ro en la vorto sonis kvazaŭ longa vico da Ro-sonoj, prononcita unu post la alia, do preskaŭ kiel tondro bruanta. Samtempe la ŝpico ricevis pugnobaton en la flankon, administritan per la tuta forto, je kiu disponas okjara knabino,

kiun oni povis pli ĝuste nomi delikata ol fortika. Pia tiuokaze kaŭzis pli da doloro al si ol al la hundo, ĉar tiu devis havi iun praavon el la gento de la balenoj, almenaŭ ĝi ŝajnis konsisti tuta el barto.

Ruĝa kiel meleagro, kun okuloj plenaj da larmoj, Pia nun genuis en la herbo kaj tenis en siaj manoj la etan vivantan estaĵon, karesis, kisis, bedaŭris ĝin. La kara, mizera, ho kiom eta kaj mizera! junega fringeto. Tro frue ĝi kuraĝis flugante forlasi nun la neston, jen en la granda ulmo, — la plej maljuna el ĉiuj maljunaj arboj de l' ĝardeno — kiu servis kiel rifuĝejo al multaj birdoj. Preskaŭ tiom alta kiom la kastelturo estis la pinto de la arbo, ĝia branĉaro eĉ formis arbeton. Kiel nun la erarvaginta, malvigliĝinta birdeto povis retrovi la vojon al la patra ejo? Ĝi ŝajnis senti la tutan amplekson de sia mizero, ĉar de tempo al tempo ĝi eligis la mentan pepadon kaj en siaj tormentoj kaj angoro movetis la malhelajn, brilajn okulojn. Ĝia korpeto ektremis, ĝia koro frapis kun fortega rapideco. Ĝi certe estis grave vundita. La malbona Lux estis ĝin mordinta aŭ rompinta ĝian bruston. — Pia ne sciis, kion ĝi estis farinta! Kaj nun la fibesto eĉ havis la arogantecon alpuŝi, meti tute konfideme la buŝaĉon sur ŝian ŝultron, lekinte tiun buŝaĉon plurfoje per sia lango, diri al ŝi per preskaŭ parolkapablaj okuloj kaj per sia naiva vizaĝo de krimulo. — „Redonu al mi la aĵon! Mi trovis ĝin, ĝi estas mia. Mi bezonas ĝin por miaj ludoj. Ĝi pepas tiom ĉarme, se per mia piedo mi palpetas ĝin."

„For!" Ree la Ro-sonoj bruis kiel tondro. Pia eksaltis kaj donis al Lux puŝon, kiu preskaŭ elartikigis ŝian piedon, dum ke al la hundo ĝi kaŭzis nur rideton. Ŝi rapidis en la kastelon, en la kuirejon, tie igis doni al si lakton kaj bulkon kaj provis manĝigi la birdon. Tiun arton ŝi perfekte scipovis. Lastsomere ŝi sukcesis savi la vivon de tri elnestiĝintaj paseroj kaj du el ili eĉ estis pli junaj ol la fringeto. Sed, kompreneble, ili estis paseroj, daŭremaj kaj ĉiutagaj, tiaj kiaj ekzistas en centmil da ekzempleroj, nenio delikata, aparta, kiu bezonas aliajn vivkondiĉojn ol la granda amaso.

La fringeto rifuzis la nutraĵon, kiun ĝia bonfarantino prezentis al ĝi, kaj kiam ŝi per kvieta forto malfermis ĝian bekon kaj enfluigis eron da lakto, ĝi eĉ ne englutis ĝin.

La kuiristino, impona, dika ino kun vizaĝo kiel ronda telero kaj kun bluaj, sopoirantaj okuloj, kompate observis la penadojn de Pia de el sia granda, senmakula laborejo. „Vi senutile turmentas la bedaŭrindan beston", ŝi diris milde kaj amikece „Donu ĝin al mi, mi mortigos ĝin!"

„Kion? Mortigi?" Pia levis la belan kapeton, streĉiĝis, kvazaŭ grandiĝis pro indigno. „Vin oni mortigos, kruelulino!" La mortigistino de sennombraj kolomboj, kokidoj, numidoj*), meleagroj kun kvieta fiero levis la ŝultrojn. „Mi ne estas kruela, mi ne povus vidi suferi mizeran beston, al kiu mi jam ne povas helpi, nur ĉar mi ĝojas uzi ĝin kiel ludilon."

Pia sentis teruron; ŝi kuregis el la kuirejo for de la timiga persono, la mortigistino, kiu diris tiom turmentajn parolojn kaj eble eĉ pravis. — Ĉar ŝi ĝojis uzi ĝin kiel ludilon? Se tio estas vera, ŝi ja estas pli malbona ol Lux, kiu estas senintelekta kaj turmentas kunbeston, nesciante kion ĝi faras. Homoj havas aliajn vidpunktojn kaj alian respondecon. Kio okazis antaŭ kelkaj tagoj, kiam oni venigis la best-kuraciston pro maljuna Flock kaj kiam tiu deklaris, ke ĝi nesanigeble malsanas. Tiam avino diris al paĉjo. „Liberigu ĝin! Donu al ĝi kompatan kuglon! Ĝi mortu kiel brava ĉashundo? „Kaj paĉjo — ĉiam bona kiel anĝelo — prenis pafilon, iris kaj mortpofis maljunan Flock. Kaj Flock estis la hundo favorata de li. „Ankaŭ vi estas mia karulo", ŝi flustre diris al la birdo, „kaj mi volas liberigi vin de viaj suferoj. Kaj mi scias por vi la plej belan morton, la plej dolĉan pereon

por birdo. Lastmomente vi ankoraŭ estu ebla opinii ‚Nun mi flugas‘. Kaj poste ĉio estos finita. Ĉe birdo jen fino de ĉio.“

Ŝi trakuris la korton kaj la koridoron kaj suprengrimpis la ŝtuparon kondukantan al la loĝejo de la turgardisto. Li ne vere estis gardisto; li nur nomiĝis tia kaj estis maljunega, pensiumita domservisto. Li ankaŭ nenion faris krom enflari tabakon kaj dormi. La turon li tute rigardis kiel sian propraĵon kaj, ĉar li mem neniam plu suprengrimpis, lia nigra virkato havis la taskon akompani la vizitantojn. La pordo al la ĉambro de la gardisto nur estis duonfermita kaj havis grandan fendeton. Pia eĉ kapablis trarigardi. La maljunulo dormis en sia apogseĝo, la virkato sidis apud li sur la tablo kaj spione atendis. Ekvidi la etulinon kaj teren salti, jen kio okazis samtempe. Li sin premegis tra la pordofendo kvazaŭ velura serpento kaj neaŭdeble ŝteliris malantaŭ Pia sur siaj elastaj piedoj. Ĉiam pli li alproksimiĝis kaj premiĝis al ŝi kaj el la grandaj, rondaj, topassimilaj okuloj direktis al ŝi esploremajn rigardojn. Ĉu li supozis, kion Pia portis en la mano?

Sur la ŝtuparo la polvo atingis altecon da manfingro kaj maltrankviliga krepusko regis ĉie. La malmultaj fenestroj estis ne pli larĝaj ol paliso kaj tute kovritaj per malpuraĵo kaj araneaĵoj. Kelkfoje io glitrapidis — certe rato. Jen la virkato ekrapidanta kaj poste okazis mallonga, furioza batalo; penetra fajfado akre sonis, eligita pro doloro kaj agonio. Kaj la rabobesto ree alvenis kaj ĝiaj flavaj okuloj lumis kaj ree kaj ree alrigardis Pia'n, kvazaŭ ili dirus „La ĝustan kaptaĵon mi ankoraŭ ne havas, ĝin vi ne volas doni al mi. Atentu, mi venos por preni ĝin; mi estas potenca, mi havas fortojn.“ La etulino ektimis, ŝi rapidis, ŝi suprenkuris la ŝtuparon. Ve, hodiaŭ tiu ne volis finiĝi kaj la ŝtupoj estis tiom deklivegaj kaj kapturnigaj, ĉiam helicoformaj.

Jam de kelke da tempo la fringeto ne vidigis vivosignon. Subite ĝi ekmovis, hirtigis la plumaron, ĝiaj piedetoj baraktis kaj ektremis. For — nenio plu! Tio eble estis la lasta. La fringeto nun eble estis mortinta. Pia portis en la mano etan senvivaĵon. Terure, terure, la morto estas io timiga, kaj ĝin havi, ĝin senti — — Timtremo kaptis ŝin kaj ŝi flustris al la birdo: „Ne mortu, ne mortu en mia mano!“ Ŝi premis al sia vango ĝian kapon, alblovetis ĝin kaj — ekkriis. La virkato estis suprenveninta per furioza saltego, preskaŭ ĝis al ŝia vizaĝo, spiraĉis kaj minacis. Malkuraĝa sento ekestiĝis en la infana koro. Donu ĝin al li, donu al li la birdeton! Ĝi ja estas mortinta. Sed eble ne jam tute mortinta kaj ĝi ankoraŭ povus timi, ankoraŭ ion senti, kiam ĝi estos disŝirita. Ne kaj ree ne! Oni do havas sian volon, oni agas laŭ sia propra volo kaj ne laŭ tiu de aĉa kato. „For, malkato, malkato,“ ŝi vokis kaj ke ŝi trovis tiom ofendan nomon por ĝi,, ĝojigas, fortigas ŝin. Ŝi suprenkuregas la ŝtupojn.

Nun fine ŝi estis alveninta ĉe la pordeto kondukanta al la estrado. En ĝia ligno, griza pro malnoveco kaj fendiĝinta de supre ĝis malsupre, la sunlumo kvazaŭ enfluinta formis orajn kaj diamantajn stabojn. Pia ĝin malfermis kaj iris sur la estradon. La virkato sekvis tuj poste. Ŝi ne plu timis lin, ŝi ankoraŭfoje kisis la kapeton de la birdo.

„Nun mi vin liberigas, baldaŭ vi ne plu suferos. Vi falos, falegos, estos kvazaŭ dum sonĝo.“ Sin apogante je la balustrado, ŝi malsuprenrigardis. Nenio krom arbopintoj kaj ĉiujn superis tiu de la maljuna ulmo kaj ŝajnis tiom proksime, ke oni eĉ opiniis povi ĝin ekkapti. Kaj tute supre, en la plej maldikaj branĉetoj de ĝia foliaro, io senripoze movetiĝis tien kaj reen, laŭtiĝis dolorplena pepado kaj lamentado kaj, kiom ajn malgranda la brusto, el kiu ĝi sonis, tiom granda kaj plena je malespero la doloro ĉi-esprimiĝanta. Ĉu estas vi, patrino de l' fringeto? Ĉu vere vi, mizerulino? Vi revidos vian infanon,

ĝi venos, sed ĝi estas mortinta. Pia etendis la brakon kaj tuj la virkato saltis muren, proksimege de ŝi.

„Ĝi ne estos via, certe ne“, la knabino vokis, dummomente tutfermis la okulojn, samtempe malfermante la manon. La birdeto elglitis kaj malleviĝis tiom longe, kiom daŭras ekspiro. Poste — Jesuo, Jesuo — ĝi ne estis morta, ĝi vivis. Ĝiaj flugiloj etendiĝis, el ĝia gorĝo eliĝis mallaŭta, duone sopiranta, duone ĝojanta ĉirpardo, ĝi flugis, iomete mallerte kaj kvazaŭ ebriigita, sed ĝi flugatingis la pinton de la ulmo kaj tie eksonis jubilado, ĝojkrioj pro feliĉega ravo, krome urĝa, demandanta, zorgoplena pepado. „Kiel vi fartas? Ĉu sana vi estas, ĉu nenion suferas?“

„Ne, nun ĝi nenion suferas.“ Pia laŭte ekridis, vidante la rondovalan, mizere konsternitan vizaĝon de l' virkato. „Saltatingu ĝin, maljuna, stulta virkato! Ĝi sin savis de vi, de ĉiuj siaj malamikoj. Ĝi estas ĉe sia patrino!“

Subite ŝi paŭzis, penseme rigardis malproksimen kaj malrapide ripetis. „Ĉe sia patrino!“ Kiel oni sentas tie, ŝi jam delonge ne sciis . . . ŝi tiam estis tiom eta . . . sed belege devas esti por birdo kaj — por infano.

Tradukis D-ro phil. Wolfgang Biehler.

**Robert Kreuz, LK, Direktoro de ICK.**

La prezidanto de ICK., s-ro John Merchant, informis nin, ke la ĝisnuna sekretario de ICK. estis nomata Direktoro.

Ni elkore gratulas s-ron Kreuz kaj deziras je tiu okazo informi la s-anaron pri lia personeco.

Kiu ĉeestis kongreson internacian, certe ofte vidis malgrandan homon, sufiĉe dikan, trakuri la kongresejon, ordonante ĉi tie kaj tie, sidi dum la Malferma Kunsido sur la estrado ŝvitante, stenografe skribante la protokolon aŭ tradukante la paroladojn de gastoj el germana, franca ktp. lingvoj en E.-on, protokoli en la kunsidoj de ICK. kaj KR. ĉion, kion oni parolas (kaj oni sufiĉe paroladas!) ktp. Tiu homo estas s-ro direktoro Kreuz, afabla (se li havas la tempon!), agema, gaja, ofte sarkasme sprita. Li ŝatas kritiki kaj ankaŭ kritikon pri li mem. Krome li ŝatas bone manĝi (tial li estas bonaspekta!) kaj danci kun ĉarmaj, graciaj f-inoj, je kiu okazo li multe ŝvitas. En Genève li sidas de mateno ĝis nokto en la oficejo de ICK., diktas leterojn, cirkulerojn ktp., unuvorte direktas la mondon esperantistan. Kiam li havas la tempon skribi siajn verkojn, legi librojn en diversaj lingvoj ktp. estas nekomprenebla.

Tiun ageman homon, kiu tage kaj nokte pensas pri iu ajn ebleco servi al nia sankta afero, kiu ĉiuhore estas preta helpi, se iu organizo, grupo ktp. petas lian konsilon, ni ĝoje salutas kiel Direktoron de ICK.! Prez. Merchant faris bonan elekton kaj pro tio li estu dankata! Steiner.

**Geheimrat Prof. Dr. Adolf Schmidt**, fama matematikisto kaj iama longjara direktoro de Observatorio en Potsdam, fariĝis 70-jara. Li fondis en 1903 la unuan E.-grupon en Berlin kaj estis dum 30 jaroj unu el la plej fervoraj pioniroj en nia movado. Elkoran gratulon! Int. E-Muzeo en Wien. Steiner.

**Minist. kons. d-ro Minibeck †**

Ministeria konsilanto d-ro jur. kaj fil. Arnold Minibeck, la prezidanto de la XVI. Intern. E.-Kongreso en Wien, mortis la 17. VII. post operacio, nur 51-jara.

Ni esperantistoj perdis en li malnovan s-anon, kiu ofte helpis nian aferon en sia sfero.

Li ripozu en paco, ni konservos al li bonan memoron!

**D-ro Andreo Fiŝer**, malnova s-ano kaj verkisto, mortis 74 jara la 27. majo.

**Wilhelmine Ehrl †**

Vere ideala samideanino, nia longjara membro f-ino Wilhelmine Ehrl, mortis en Mühling, kie ŝi pasigis libertempon, sekve de akcidento en sia 78. vivjaro. Ŝi estis miopa kaj enabismiĝis de roko dum promenado. La enterigo okazis en Wieselburg la 4. aŭgusto. Ŝia lasta volo estis, ke la Esperanto-insigno estu sur ŝia tomba

ŝtono. F-ino Ehrl en pli fruaj jaroj multe laboris por E. kaj gvidis multajn kursojn. Ni ŝin ĉiam rememoros!

Unua Esperanto-Unuiĝo en Wien.

**Hanns Wannek,** la frato de nia AEA-prez. Karl Wannek, mortis sekve de akcidento kun sia aerveturilo dum flugekzercadoj en Augsburg la 29. aŭg. en sia 37. vivjaro. La kongrespartoprenintoj de nia IX-a rememoros la ĉarman aviadiston, kiu elegante superflugis la urbon Linz kun sia aviadilo, kiu montris sur siaj portiloj la vorton „Esperanto". La unuan fojon pere de aviadilo la mortinto faris propagandon por nia afero. Ni ĉiam memoros lin! Elkoran kondolencon al AEA-prez. kaj la cetera familio de l' tro frue elmondiĝinto!

**Elkoran kondolencon** ni esprimas al la membro de nia Loka Kuratora Komitato, polica konsilisto **L. Buchsbaum,** okaze de la morto de lia frato.

IEMW.

## Gravaĵoj.

**Wien-a Foiro** fiksis en sia ekspoziciejo en Neue Burg senpage afiŝon de 63.95 cm en germana kaj E.-lingvoj, per kiu estis invitata al vizito de Int. E.-Muzeo en Wien.

**„Tri tagoj Wien"** de Oesterr. Verkehrsbureau, Wien, I., Friedrichstraße 7, aperis en dua eldono; 1930. Ĝi enhavas informojn pri tritaga restado en Wien en germana, angla, franca kaj E.-lingvoj. Mendu!

**IV. Tutpola Kongreso de E.**, okazos en Lódz la 20.-21. de sept. nj. Adr.: J. Glicensztejn, Lódz, Zachodnia 54.

**La konstanta, ĉiama, kalendaro.**

Nia konata s-ano Ernst Klemm en Chemnitz verkis poŝtkarton kun konstanta, ĉiama kalendaro. Presigis ĝin en 10.000 ekzempl. „Societo por kalendarreformo", Kiel, Lornsenstraße 24, kiu ankaŭ senpage sendos ĝin al vi. Skribu! Tre interese!

**Argentina Societo pri Mineralogio kaj Geologio** akceptis E.-on kiel oficialan lingvon por sia internacia korespondado kun similaj institucioj tutmondaj.

**Int. Foiro en Budapest.**

Ankaŭ ĉijare estis E.-stando, kie s-anoj deĵoris. La unuan fojon flirtis ĉe la ĉefenirejo de la foiro apud la naciaj ankaŭ E.-flagoj, oficiale metitaj de la foirestraro.

**Meteorologia leksikono.**

La franca meteorologia oficejo publikigas Meteorologian Leksikonon, kiu entenas ĉiujn teknikajn terminojn de tiu fako kaj je la fino vortaron kun traduko de tiuj vortoj en diversaj naciaj lingvoj. Generalo Delcambre, direkt. de tiu oficejo, favora al E., petis prez. Rollet de l'Isle aldoni al tiu listo la E.-tradukojn.

**„Esperanto Kiboŝa"** Tokio aperas nun en 12.000 ekzempleroj. Kiel la ĉefredaktoro, s-ro Iŝiguro, menciis dum sia vizito al Int. E.-Muzeo en Wien la eldonkvanto fine de l' jaro estos 20.000.

## Aŭstria Esperanto-Asocio

Linz, Weissenwolfstr. 31

**Prüfungen für das Lehramt und den Nachweis der Kenntnis des Esperanto.**

Diese Prüfungen beginnen am 3. November, 8 Uhr früh, mit der schriftlichen Prüfung in der Bundeslehrerinnenbildungsanstalt, Wien, I., Hegelgasse 14. Die nach § 4 der Prüfungsvorschrift nötigen Gesuche (1 S-Stempel) um Zulassung sind bis längstens 22. Oktober 1930 bei der Direktion der Prüfungskommission, Wien, I., Burgring 9 (Stadtschulrat), Zimmer 53, einzubringen. Die Prüfungsgebühr von S 20.— bzw. 10.— ist vor Beginn der schriftlichen Prüfung im Prüfungsraum zu erlegen.

Prüfungsvorschrift beim Bundesverlag, Wien, I., Schwarzenbergstraße 5, für S 3.10 erhältlich.

### Alvoko!

Okaze de la IXa Aŭstria Esperanto Kongreso en Linz, demisiis la tuta estraro de Aŭstria Esperanto-Asocio, kvankam la daŭro de ĝia funkciado estus ĝis 1932.

La novelektita estraro plene scias, kiaj taskoj ĝin atendas, kaj estas preta plenumi ilin, kiel eble plej bone, laŭ siaj povo, financaj rimedoj, subteno kaj helpo de la grupoj kaj izoluloj.

La plejmulto de agemaj aŭstriaj esperantistoj deziras jam delonge reunuigitan movadon. Ni pro tio tuj entreprenis la necesajn paŝojn per la ĉi suba cirkulero, sendita al ĉiuj grupoj, izoluloj, kies adreson ni posedis.

Ni do invitas al aliĝo, kunlaboro kaj etendas frate la manojn por salute premi la viajn, gesamideanoj, kiuj vi estas pretaj kunlabori kun ni.

„En unmeco kuŝas la forto!".

Linz, julio 1930. La estraro de A. E. A.

### Gesamideanoj!

Kvankam ni disponas je granda laboremo, atingi ni nur povas ion per kunlaboro de celkonsciaj gesamideanoj en la plej diversaj urboj, urbetoj, vilaĝoj. Pro tio ni petas sinanoncon, kunlaboron, subtenon.

La ĉefpunktoj de nia programo estas:

1. Rekreo de forta landa organizo;
2. Starigo de gazetservo;
3. Okazigo de kursoj laŭ metodo pastro Ĉe;
4. Klopodoj pri enkonduko de Esperanto en lernejoj.

Kreo de tutaŭstria gazetservo estas necesa, ĉar nur tie, kie la publiko scias pri progresoj de E., la movado disvastiĝas. Por starigo de ĉi tiu servo ni petas, ke samideanoj emaj kunlabori sinanoncu. Nepre ni bezonas ĉie kontrolanton, kiu kontrolas la gazetojn, ĉu oni publikigas aŭ ne, la de ni al la gazetoj senditajn artikolojn, kiu de tempo al tempo raportas al ni kaj subtenas niajn klopodojn se necese ĉe la redakcioj!

Por povi bone plenumi ĉi tiun servon la asocio bezonas kiel eble plej multajn pagantajn membrojn.

La kotizo po persono kaj jaro estas Sl.- por grupanoj, S. 1.20 por izoluloj, kiuj ne apartenas al ia grupo. La kotizon por 1930 oni sendu al s-ino Ella Eberhard, Linz, Goethestrass 55. Kiel eble plej baldaŭa aliĝo kaj pago dezirata.

Vastan agadkampon prezentas ankaŭ la instruado. La cirkonstancoj certe en ĉiuj urboj estas aliaj. Oni interrilatu kun ni, ni konsilos, helpos kaj subtenos laŭ ebleco. Detaloj pri aranĝo de Ĉe-kursoj estas haveblaj de ni.

Ni estas pretaj akcepti konsilojn kaj proponojn, ni atendas kritikojn, sed ni petas ankaŭ regule vian kotizon, kiun ni nepre bezonas por efika laboro. Ĉiu grupo bonvole sendu membroliston duekzemplere kaj ankaŭ adresojn de izoluloj ne apartenantaj al grupo.

Fine ni aldonas, ke la oficiala organo de AEA. restas Aŭstria Esperantisto, kie en propra rubriko aperos ĉiuj informoj. Abonon pro tio ni nepre devas rekomendi. Novaĵojn pri kursoj, paroladoj okazintaĵoj oni bonvole regule sendu duekzemplere al AEA., Linz, Weissenwolfstr. 31.

Gesamideano, ni estas pretaj labori por Esperanto, dependas de vi la sukceso, ĉu vi estas pretaj nin subteni. Ni esperas tion kaj ne timas, ke tiam por nia movado en Aŭstrio komenciĝos nova epoko.

Kunlaboru kaj vi ĉiuj ĝojos pri la sukceso!

La estraro de AEA.

Gruppen und Einzelmitglieder wollen ihren Jahresbeitrag gefl. ehebaldigst an Frau Ella Eberhard, Linz, Goethestraße 55 einsenden (Gruppenmitglieder S 1.—, Einzelmitgl. S1.20).

Gruppen und jene samideanoj, die keiner Gruppe angehören, sind herzlichst eingeladen, dem Bund als Mitglied beizutreten.

**Unterrichtskurse Andreo Ĉe** unter persönlicher Leitung des H. Pfarrers Ĉe können erst im Frühjahre 1931 stattfinden. Detaillierte Auskünfte über Preis, Bedingungen usw. erteilt AEA. gegen Rückporto. Vorarbeit kann nicht zu früh begonnen werden; Zusammenarbeit aller Gruppen und Propagandisten mit AEA. unbedingt nötig, um Reisekosten und sonstige Spesen zu verringern.

**Propagandareise Scherer-Los Angeles** (siehe besonderen Artikel in AE.!). Die Gruppen mögen schon jetzt erwägen, diese seltene Gelegenheit auszuwerten. Bitte sich mit AEA. baldmöglichst ins Einvernehmen zu setzen!

**Aeroplano, IX-a Aŭstria E.-Kongreso.** Heroldo de Esperanto erwarb von uns das Recht, Postkarten mit dem Aeroplan herauszugeben.

**Zeitungsdienst.** Für diesen wichtigen Punkt unseres Programmes erbitten wir die Mitarbeit von Freunden in den verschiedenen Orten und ihre Anmeldung an uns.

**Zeitungsberichte:** Linzer Tagespost, Steyrer Zeitung, Neue Warte am Inn berichteten in verschiedenen Artikeln.

Zwecks Veröffentlichung und für statistische Zwecke erbitten wir Uebersendung von Zeitungsausschnitten über E. Zusendung als Drucksache, 3 gr. Marke.

Präs. Karl Wannek, Geschäftsführer R. Ulbrich.

## Unua estrarkunsido okazis la 11. aŭg.

Nesupozite kaj rapide okazis la translokiĝo de la afergvidanto de AEA. R. Ulbrich de Linz al Bad Ischl. Espereble li revenos aŭtune al Linz.

**Braunau k. Steyr:** Sekve de klopodoj de s-anoj Rauscher-Steyr kaj Haselbauer-Braunau la tieaj gazetoj regule raportas pri E.

**Linz:** La 24. sept. parolos lernejinsp. Camillo Schallert pri E. en la rondo de la instruistaro. La parolado estos publikigata en la oficiala lernejorgano.

**Niklasdorf ĉe Leoben.** Direkt. R. Horneck el Graz faris impresan paroladon pri E. kaj provlecionon laŭ Ĉe-metodo antaŭ plej diversprofesia publiko. Regas granda intereso por en aŭtuno komencota kurso.

**Simbach:** Niaj s-anoj sukcesis, ke librejo Pfeiler elmetis E.-lernlibrojn.

**Wien:** Literatura vespero de nia hungara s-ano Baghy okazis, aranĝita de E.-societoj Danubio, Oficĥavantoj kaj Unuiĝo, en la magistrata festsalonego de la 4-a distrikto. La poeto prelegis el siaj verkoj. Pli ol 100 ĉeestantoj.

**Wien: E.-Soc. „Danubio“.** La 7. VII. parolis d-ro Mildwurf pri Mahatma Ghandi, la 14. VII. Nikolao Hovorka pri sia pasintjara vojaĝo tra Bulgarujo. (Laŭ „Heroldo“.)

**Wien. Bohema Klubo Esperantista:** Kunvenoj ankaŭ dumsomere en „Narodni dum“, Wien, XV. (Laŭ Heroldo.)

**Wien: E.-Junularo:** La someraj kunvenoj okazis en la kiosko de „Wien-a laktejo“ en Prater. (Laŭ „Heroldo“.)

**Naskiĝis** filineto al s-ano fakinstruisto J. Brückl, Wolkersdorf. Nian gratulon!

**Ni kaj la burĝaj esperantistoj.**

En la landa konferenco en Linz (29. VI. 1930) instruisto Jeittler, nuna prez. de ALLE., pritraktis la neŭtralecon de la neŭtraluloj. Per mencio de diversaj ekzemploj li pruvis

la mallojalecon de la neŭtraluloj kontraŭ nia ligo kaj speciale atentigis pri la plej gravaj kontraŭuloj de la laboristaro, kiuj estas la plej eminentaj protektantoj de la neŭtrala movado. Li konkludas, ke ni klaskonsciaj laboristoj ne povas daŭre labori kune kun organizaĵo, en kiu niaj klasaj malamikoj havas gravan influon. Por ni E. estas rimedo, por ili memcelo, do ankaŭ en uzado de la lingvo nin ne interligas komunaj interesoj. Tamen ni okaze povus kunlabori kun la neŭtraluloj por propagandaj celoj, sed ankaŭ tiuokaze ni devas postuli nepran lojalecon kontraŭ nia ligo kaj eliminion de la influo de al ni malamikaj personoj.

(Laŭ „La Socialisto".)

## ESPERANTO-SOCIETO POR STIRIO

Graz, VI., Schönaugasse 6.

**(13) Hauptversammlung des Vereines.** Im Sinne der §§ 20 bis 26 der Satzungen wird die 25. ordentliche Hauptversammlung des Vereines für Donnerstag, den 20. November 1930, nach Graz einberufen. Ort: im neuen Heim der OG. Graz, I., Bürgergasse 4, ebenerdig rechts; Beginn: 8 Uhr abends. Satzungsgemäße Tagesordnung. (Die Ortsgruppen erhalten noch besondere Einladungen.)

Graz, 15. VIII. 1930. Die Vereinsleitung.

**(13) Vereinsleitungssitzungen** 9. V. und 13. VI. Mit der Vertretung des Vereines beim Deutschen Esp.-Kongreß in Dresden wird Herr Prof. Albert Läufer, Mainz, betraut. Von einer offiziellen Teilnahme am Oesterr. Esp.-Kongreß in Linz wird abgesehen. Bei der Weltfriedenstagung in Graz sprach Herr Hallamayer im Namen des Vereines und der Esperantistenschaft. Der nach der Methode Ĉe von Herrn Hallamayer geführte Anfängerkurs endete mit 6 von 8 angemeldeten Teilnehmern; 5 traten dem Vereine bei.

**(15) OG. Graz - Vollversammlung.** Die 12. ordentliche Vollversammlung der Ortsgruppe Graz findet Donnerstag, den 16. Oktober 1930 im Vereinsheim statt. Beginn: 8 Uhr abends. Tagesordnung: 1. Verhandlungsschrift der 11. Vollversammlung vom 7. XI. 1929. 2. Tätigkeitsbericht der OG.-Leitung. 3. Kassenbericht. 4. Wahl der Ortsgruppenleitung. 5. Wahl der Vertreter für die Hauptversammlung des Vereines. 6. Stellungnahme zur Tagesordnung der Hauptversammlung. 7. Festsetzung der Höhe der Beiträge und Einschreibgebühr. 8. Festsetzung der Höhe der Lesegebühren für die Bibliothek. 9. Anträge der Mitglieder. 10. Allfällige Berichte und Anträge.

Wir laden die Mitglieder schon jetzt ein, an der Vollversammlung recht zahlreich teilzunehmen und Vorschläge zu machen. Anträge wollen bis 12. X. 1930 eingereicht werden. Graz, am 15. VIII. 1930.

Die Ortsgruppenleitung.

**OG. Graz. Neues Vereinsheim.** Da unser bisheriges Vereinsheim in der „Pastete" in eine Wohnung umgebaut wurde, verlegten wir die Zusammenkünfte in das Gasthaus „Stainzerbauer", I., Bürgergasse 4 (Eingang durch das Haustor, 1. Tür rechts). Vereinsabende jeden Donnerstag ab 8 Uhr. Rege Teilnahme erwünscht!

**(17) OG. Graz.** Als ordentliche Mitglieder wurden aufgenommen: Frl. Frieda Gumse; H. Herbert Streif, Klaviermacher; H. Franz Kaufmann, Schuhmachermeister; H. Stanislaus Markovič, Wehrmann; alle in Graz. Aus der Mitgliederliste wurden gestrichen: Fr. Adele Pachner, H. Peter Katzbacher, H. Hieronymus Eritscher (ausgetreten), Fr. Josefine Haninger. Mitgliederzahl zu Beginn des Vereinsjahres 93, aufgenommen 11, gestrichen 9, Stand 31. VIII. 1930: 95. Bartel.

## Rimarkindaj presaĵoj

**F. Hirt & Sohn-Leipzig.**

**Esperanto-Lernolibro por popollernejoj**, laŭ rekta metodo verkita de Arthur Degen; unua parto; la-2a lernjaro kun bildoj de Ernst Kutzer. Prezo Rm. 2.—. Unu el la plej gravaj problemoj de nia movado estas la enkonduko de E. en la lernejojn. Unu el la necesaj postuloj por tiu celo estas la gajno de perfektaj instruistoj, la dua estas taŭgaj lernolibroj. Kvankam ekzistas jam tutmonde amaso da bonaj kaj rekomendindaj gramatikoj por instruo de nia lingvo, tamen ĉi tiu nova lernolibro, verkita speciale por infanoj, estas tre salutinda. La aŭtoro uzas la rektan metodon de instruado per dialogoj, kantoj, ludoj kaj ŝercoj tiel, ke la gelernantoj intuicie akiras kaj aplikas la lingvon. Per lerneja praktiko la dua parto de la libro donas multajn ekzemplojn por dialogoj. La libro enhavas parte nigre presitajn, parte kolorriĉajn bildojn kiel demonstracian objekton kaj povas tiel streĉi la intereson de gelernantoj kaj ilin instigi al ĝojiga lernado. Mi gratulas al la fame konata s-ano-pedagogo al lia eminenta verko kaj deziras al la libro grandan sukceson.

La luksa eksterajo kaj la belaj bildoj per si mem laŭdas la artiston kaj la editejon.

D-ro Sós.

**F. Hirt & Sohn-Leipzig.**

**Literatura informilo n-ro 6**, somero 1930. Tre interesaj artikoloj: „Zamenhof kiel edukisto" de d-ro Joh. Dietterle, „El la laborejo de la enciklopedia vortaro de Eugen Wüster" de Alexander Schwarz, aferkondukanto de E. V., „Gvidilo en infanlandon" de Arthur Degen, krome specimenaj paĝoj el „Zamenhof, Originala verkaro" kaj „Degen, E.-Lernolibro por popollernejoj", kritikoj de la diverslanda gazetaro pri la eldonaĵoj de la fama firmo Hirt.

Mendu la informilojn ĉe la deponejo por Aŭstrio: R. Foltanek, Wien, I., Herreng. 2-4.

**Gajaj horoj por Esperantistoj.** Al la recenzo en n-ro 7 ni deziras aldoni, ke la mankantaj „n“ mankas en „instruilon“ kaj ekzercadilon. Ni varme rekomendas la libron.

## Ŝercangulo.

**La singarda kolportisto.**

Kolportisto venis al korto, en kiu estis granda bojanta hundo. La kolportisto hezitis eniri, sed alveninta sinjoro diris al li: „Senzorge eniru, vi ja scias, ke bojantaj hundoj ne mordas“.

La kolporti to respondis: „Certe mi tion scias, sed ĉu la hundo ankaŭ tion scias?“

(Laŭ „Verda Mondo“.)



## Kie oni rekontas E.-istojn?

**Graz.**

Esp.-Verein für Steiermark, Geschäftsstelle (oficejo) Schönaugasse 6/II, Vereinsheim (kunv.) Bürgergasse 4, Do(j) 20-23 h.

**Innsbruck.**

Esperanto-Klub, Gasthof „Grüner Baum“, Museumstraße. Do (j) 20—22 h.

**Leoben.**

Esp.-Verein für Steiermark: Cafe Weidbacher, Dienstag (ma) 20—22 h.

**Linz.**

Oberösterr. Esp.-Verein: Gasthaus Stadtgut, Volksgartenstraße.

**Steyr:**

Oberösterr. E.-Verein: Gastejo Schwechater Bierhalle, Fr. (v.), 20—22h.

**Wien.**

Katolika Unuiĝo E.-ista en Wien, I. Schottenhof (Akademikerheim) Mi (me) 18.00-20.00 h.
Esp.-Unuiĝo-Wien, I. Himmelpfortg. 6 (kafejo Frauenhuber), Fr. (v.) 19.30 h.
Esp.-Verein der städt. Angestellten Wiens, IV., Schäffergasse 3, ĉiutage 17—19 h.
Vienna Akademia Unuiĝo Esp. VII., Neubaugasse 25, Cafe Elsahof, Mo (l) 19—23 h.
Esp.-societo „Fideleco“, Währinger Bürgercafe, XVIII., Staudgasse 1, Di (m) 16-19 h.



Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Regierungsrat Hugo Steiner, Bisamberg 248. — Presejo: S. Falk, Wien, XIII, Nobilegasse 4.